# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**

Unu Jaro . . . . Sm. **1.20** | Helpabono . . . . Sm. **4.**—

Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2.50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = 1/2 dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj austr = 1.80 kronoj Skand (proksimume).

Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)

Bulgara Eldono : N. D. Kovaĉef, Sofio




## Nia Vojo

Kune kun tiu ĉi numero, jam de unu jaro aperas ESPERANTO, reorganizata kaj restarigita sur nova fundamento. Kvankam, en la komenco, nia entrepreno, kiu laŭ kelkaj personoj, estis plena utopio, renkontis diversajn neeviteblajn malfacilaĵojn, ni povis iom-post-iom ilin superi, dank'al la sindonema kunhelpo de multaj amikoj esperantistoj, kiuj laŭ sia povo laboradis por la pliprosperigo de nia afero. Ili bonvolu akcepti la certigon de nia sincera dankado kaj daŭrigi al ni sian necesegan apogon. Nuntempe, jam pli ol okmil regulajn legantojn dissemitajn en dudek landoj posedas ESPERANTO kaj tiu ĉi nombro ĉiu tage kreskas. Ni esperis, ke en la komenco de tiu jaro ni povos pligrandigi la formaton de nia jurnalo, sed tiun ĉi paŝon ni nun ne povas ankoraŭ fari kun plena certeco. Niaj legantoj agu por nia gazeto, ili diskonigu ĝin ĉien, varbu al ni novajn amikojn, kaj tre baldaŭ ni povos efektivigi la progresojn, kiujn postulas la graveco de nia programo. Cetere, ne la ekstera formo de gazeto estas grava, sed la celo, kiun ĝi difinis al si, la ideoj, kiujn ĝi penas disvastigi. Fondi iun novan gazeton signifas nenion, se al tiu ĉi gazeto ne estas alligita ia klara programo. Nian celon ni jam diverfoje klarigis kaj penis komprenigi al niaj legantoj : Konsideri Esperanton ne kiel celon, sed kiel perilon, konsekvence laŭeble helpi al ĝia praktika uzado, instigi al specialaj fakaj aplikaĵoj de nia lingvo, doni al Esperanto signifon praktikan, kiun ĝis nun ĝi ne posedis en grado sufiĉa por altiri al ni la popolamasojn. Tiu « per-esperanta » movado, konstatebla ĉefe depost la IIa Kongreso, estas reprezentita unuflanke de la specialistaj societoj, kiuj uzas Esperanton por sia propra celo, aliflanke de tiuj entreprenoj, nomataj Esperanto-Oficejoj, konsulejoj, informejoj, kiuj en la praktika vivo celas utili ĉu al la Esperantistoj, ĉu al la neesperantistaj aferistoj, kiuj deziras uzi nian lingvon. Por la fakaj societoj ni proponis nian gazeton kiel komunan organon por presigi iliajn komunikojn ; por la dua kategorio de entreprenoj ni penis konigi la jam faritajn eksperimentojn kaj eltiri el ili ian praktikan planon por estonta agado. Gis kia grado ni sukcesis, tion ĉi povas respondi ne ni mem, sed la faktoj. La specialaj societoj plimultiĝis laŭ ĝojiga proporcio ; en granda nombro da lokoj ekzistas Esperantisto-Oficejoj, sed tio estas nur duonpaŝo se tiuj entreprenoj ne *vivas*. Por ke ili vivu kaj povu pligrandiĝi, estas necese, ke la Esperantistoj ilin uzu konstante, estas necese ke tiuj entreprenoj pli kaj pli interrilatu unuj kun la aliaj ne nur nacie, sed internacie, estas necese ke nia movado ne enmarĉiĝu en pure nacia, predikema propagando, sed firme eniru la vojon de la praktiko internacia. Per la ĝis nun varbitaj elementoj, ni povus jam nuntempe starigi multajn ŝatindajn servojn internaciajn per Esperanto, se tiuj elementoj estus racie grupigitaj kaj organizitaj. Por internacia organizo de la Esperantistaro, per kiu nia movado akiros pli da vivo kaj da efektiva unueco, ni de nun laboros, fortigitaj de multenombraj ricevitaj kuraĝigoj kaj de la konvinko, ke tiu kreaĵo estos fruktodona por Esperantismo.

En la daŭro de la lastaj monatoj, gravaj demandoj okupis la Esperantistaron. Ni tie ĉi penis elmontri la situacion kiel eble plej ĝuste kaj senpartie, fortenante nin de ĉia antaŭtempa komentario kaj de ĉia fanatismo. Nia movado, kompare kun la ekstera publiko, estas ankoraŭ ne forta, kaj la unuiĝo inter ĉiuj partianoj de lingvo internacia estas io tute dezirinda ; sed tiu ĉi interkonsento devas fariĝi sur jam ekzistanta fundamento, kaj ne sur teoria ekzistontaĵo. La ĉefa kondiĉo de vivo de nia afero estas la *unueco*. Gis kiam la tradicio mem estos la plej bona gardanto de nia unueco, ni devas unuj kiel la aliaj zorgi por la konservado de nia unueco kaj, en la nomo de tiu unueco necesega por la venko fina forpeli ĉion, kio povus ĝin minaci. Nia afero nun staras forte ; Esperanto estas fakto, oni tion ne forgesu, kaj ne la teorioj kondukas la faktojn. Ni gardu nin de la tentoj al la perfekteco teoria, ne ĉar la perfekteco estas ne dezirinda, sed ĉar la vojoj al la perfekteco estas tro malsamaj kaj sekvante ilin ni verŝajne nenie renkontiĝus. En la daŭro de tiuj lastaj jaroj, post multaj eksperimentoj, Esperanto sin montris taŭga por sia celo. Cu tio signifas, ke ĝi ne estas iel plibonigebla, ke oni ne devas korekti la difektaĵojn kiujn la sperto laŭokaze montris ? Tute ne, sed tion ĉi ni devas fari per vojo natura, laborante super la nuna tradicia materialo, penante plibonigi la konstruaĵon ĝis nun starigitan kaj ne ĝin detrui por rekonstrui ion novan. Oni plibonigu, eĉ korektu, nian lingvon, laŭ la postuloj de la bezono, tio estas per verkoj kaj praktikaj provoj, ne per aprioriaj decidoj kaj subitaj sistemaj reformoj, kiuj, ĉe ĉiu momento, endanĝerigus la vivon de ajna lingvo internacia. Se sciencistoj trovos, kiel verŝajne, ke novaj reguloj, novaj sufiksoj estas bezonataj, ili mem laboru por tio, ili pliriĉigu la literaturon de Esperanto per novaj kaj aŭtoritataj verkoj, en kiujn ili povos liberi enkonduki ĉiujn novaĵojn, kiuj estas necesaj por la esprimo de ilia penso, kaj eĉ ŝanĝi tion, kion la sperto montris malbona aŭ neoportuna. Libereco en la unueco, tia devas esti la kondukanta principo de nia movado. Nur la tropremo konservativega kreas la reformemecon kaj reciproke. La *praktiko*, jen estas nia normo kaj nia konstanta gvidilo.

Fine, la lastaj cirkonstancoj tre klare montris, ke la Esperantistaro bezonas aŭtoritatan kaj rajtigitan reprezentantaron, kiu, kiel ni jam klarigis, difinos la kompetentecojn de la centraj organoj de nia movado kaj sin okupos pri ĉiuj demandoj praktikaj interesantaj la Esperantistaron. La kreo de tiu nova organismo estas sur bona vojo kaj ni esperas, ke ni baldaŭ povos konigi al niaj legantoj la ĝojigajn atingitajn rezultatojn.

* * *

Ĉu ni bezonas aldoni, ke la supre esprimitaj ideoj restos niaj en la estonteco ? La tasko, kiu staras antaŭ niaj okuloj, estas vasta kaj longa ; por ĝin plenumi ni nepre bezonas la efektivan kunhelpon de ĉiuj niaj amikoj, liberaj kunbatalantoj por ĉi tiu komuna al ili ĉiuj ideo : la fina triumfo de Esperanto. Por ĝi kaj nur per ĝi, ESPERANTO daŭros batali kaj agadi, dum ĉi tiu jaro, sekvante senŝancele la vojon kiun ĝi elektis.

H. HODLER.

## TRA LA MONDO

### Germanujo

Frankfurto a. M., januaro 1908.

La germana novjaro komencis per la fino... de la proceso Moltke-Harden, pri kiu oni certe jam tre multe legis en la gazetoj de la eksterlando. Tiu ĉi proceso finis per la kondamno de la kulpigito Harden kaj per tiu ĉi juĝo la juĝistaro argumentis, ke la skribaĵoj de la politika verkisto de la gazeto « Zukunft » ne diris la veron, kaj la honoro de Moltke estis restarigita. Sed ĉu de Molthe ankaŭ retrovos la favoron de la imperiestro ? Tie ĉi staras nun la demando.

La financa ministro de la reĝolando Prusujo eldonas 4 % prunton dum la proksimaj dek jaroj kaj dum la venontaj kvin jaroj nur 3 3/4 % kaj poste nur 3 1/2 %. La financa ministro rezervos al si la rajton limigi la prunton kaj ĉiu ricevos la sumon, kiun li anoncas. Oni ne devas vendi la obligaciojn dum unu jaro. La financistaro ne estas tre ĝoja pri tiu ĉi nova maniero de prunto kaj, precipe en sud-germanujo, oni ne kredas ke la ministro havos grandan sukceson. Ni devas atendi ! Ankaŭ la reĝolando Würtemberg, la duklando Baden kaj la ŝtato Hamburg venas kun novaj pruntoj, kiuj havas valoron da 97 3/4 ĝis 93 3/4 %.

Malbela afero okazis en orienta Prusujo, en Allenstein, kie kapitano von Goeben mortigis sian amikon majoron von Schœneback, kun kies edzino li havis nepermesitajn rilatojn. Nun oni kondukis la sinjorinon en la frenezulejon, ĉar ŝi estas verŝajne histeriulino, kaj la mortiginton en la malliberejon, kie li havos tempon por pripensi sian malbelan agon. Atentinda fakto estas, ke la kulpulo estis tre bona oficiro, aparte amata de liaj ordonatoj ; farante tiun krimon, li estis sugestita de la edzino von Schœneback, kiu estas konsiderata kiel malsanulino ne respondebla.

En Friedenau ĉe Berlino mortis sinjorino Johanna Schneider, naskita von Chamisso, la lasta ido de la fama germana poeto Adalbert von Chamisso, en la aĝo de 718 jaroj. Ankaŭ la humorista poeto Wilhelm Busch, kiu la 15an de aprilo 1907 festis la 75an naskiĝotagon, mortis la 9an de januaro 1908. Tiu ĉi poeto estis tre konata en Germanujo. Ĉiu germana infano konas lian humoran verkon *Max und Moritz*, per kiu la verkisto en humora maniero montras al ni la friponaĵojn de du knaboj Max kaj Moritz. Busch ne nur estis poeto, sed li ankaŭ desegnis kun granda talento kaj kumoro la ilustraĵojn por siaj verkoj. En la lastaj jaroj, la poeto skribis nur malofte kaj ne plu kun sia antaŭa bonhumoro, ĉar li havis grandan timon al la morto kaj per ĉiu vorto li montris tiun ĉi timon. Fine, ni citu kelkajn manifestojn okazintajn en Berlino por la pligrandigo de la balotrajto por la Prusa parlamento, sed ŝajnas, ke tiu postulata pligrandigo ne estos nun konsentata de la regnestraro ; princo von Bülov energie kontraŭstaris al tiu postulo. Oni scias, ke la maldekstrumaj partioj petas, ke la Prusa deputataro estu balotata laŭ la universala voĉdonado uzata por la baloto de la Reĥjstago.

H. Fricke.

### Granda Britujo

Londono, Januaro 1908.

Kvankam la plej granda parto de la jaro pasinta estis dediĉita al la diskutado de la nova militleĝo kaj al la batalo kontraŭ la la nobela ĉambro, la nun reganta liberala partis sukcesis voĉdonigi kelkajn socialajn reformojn. Inter tiuĉi, la leĝo pri la dividigo de la bienposedaĵoj estas tre grava por Anglujo. Gi celas kuraĝigi la restadon de la kamparanoj en la kamparo kaj laŭeble malhelpi la troloĝecon de la urboj. En ĉiu graflando (angla provinco) oni starigos komision por enketi, ĉu la loĝantoj deziras akiri bienon kaj ĉu la tero de tiuj teritorioj taŭgas por la kulturado. Se la respondo estas jesa, la agrikultura ministrofico permesos al ĉiu interesata komunuma konsilantaro, aĉeti aŭ lupreni teraĵojn, kun aŭ sen la konsento de la posedanto ; la prezon starigos la enketaj komisioj. Poste ĉiu komunuma konsilantaro ludonos terajn porciojn al la petantoj, kompreneble se ili estas kapablaj ilin kulturi ; la konsilantaroj povos prunti monon al la laboristaj societoj por ke iliaj anoj povu lupreni tiujn bienojn. Tia leĝo, kiu iel sankcias la aliproprigon de la bienoj, ŝajnas eble revoluciema. La socialistoj deziris, ke la bienoj estu simple aliproprigitaj sen kompensaĵo. Estas bedaŭrinde, ke oni decidis ke ĉiuj aliproprigitaj bienoj estu kontante akiritaj, ĉar plej ofte, bienposedanto preferos vendi sian havaĵon ol sin elmeti al la risko, ke oni redonos ĝin al li malbone zorgitan, en la fino de la lutempo. Aliparte, la malgravaj kulturistoj estus pli kuraĝigitaj, se ili scius, ke la bieno apartenas al ili reale. Laŭ tiu leĝo okazos neeviteble multaj malkonsentoj pri la kompensaĵoj al la nunaj farmistoj kaj pri la demando ĉu ia tero estas parko aŭ ĝardeno, ĉar tiuj ĉi ne estos aliproprigeblaj ; malgraŭ tio, tiu reformo estas tre atentinda, kaj oni povas esperi, ke ĝi kvankam malproksima de la perfekteco, havigos bonajn resultatojn.

Alia grava leĝo enkondukas la rajton de alvoko pri la krimaj aferoj ; ĝis nun la rajto de avolko ekzistis nur por la civila juro. Tiu leĝo ne estas aplikebla por Skotlano, nek por Irlando. Laŭ alia leĝo, la magistratoj havas la rajton prokrasti sian juĝon kiam la juĝatoj estas tro junaj aŭ estas kulpaj nur je malgravaĵoj. En tiu okazo, la akuzitoj povas esti prokrastitaj ĝis tri jaroj, sub certaj kondiĉoj. Ekzemplo jam montriĝis : junulino estis arestita pro ŝtelo de mono, kiun ŝi elspezis por iri en ian muzikhalon. La juĝanto ŝin absolvis kondiĉe ke ŝi ne vizitu ian muzikhalon dum unu jaro. Delegitoj estas elektataj por konstati ĉu la truditaj kondiĉoj estas plenumataj ; se ne, la kulpuloj devas esti denove juĝataj laŭ la ordinaraj kondiĉoj.

Fine mi citos ankaŭ interesan leĝon pri la ĝenerala saneco. Laŭ ĝi, oni permesos al ĉiu persono, kiu ne volos vakcinigi sian infanon, ke ĝi sciigu pri tio la oficialan vakciniston en tempolimo de 4 monatoj post la nasko ; la dirita pesono tiam ne estos devigata vakcinigi sian idon. Oni timas, ke multaj uzos tiun facilaĵon por ne plenumi tiun formalaĵon kaj ne vakcinigos sian infanon. Per tiu ĉi leĝo la registaro montris, ke ĝi ne kredas pri la efikeco de la vakcinado ; se estas tiel, estus pli simpla forigi la karan institucion de la oficialaj vakcinistoj.

L. H. G.

### Unuiĝitaj Ŝtatoj

Newton Centre, Mass., decembro 1907.

La plej grava nacia okazo de la pasinta monato estas la enlaso en la Unuiĝitajn Ŝtatojn de la teritorio Oklahoma kiel la 46a ŝtato. Gi estas granda kaj sanplena infano, ĉar ĝia amplekso enhavas 39000 da kvadrataj mejloj, kvarfoje tiu de la ŝtato Massachusetts, kaj iom pli granda ol Bulgarujo. Kvankam la plej juna inter la ŝtatoj, ĝia loĝantaro (proksimume tri milionoj) range estas 23a. El tiu ĉi loĝantaro 24.669 estas plensangaj indianoj, kaj el la restaĵo 50,670 havos pli-malpli de indiana sango, el kiuj multaj estas nekleraj. Gia sido estas ĉe la suda-centra parto de la lando, kaj ĝi konsistas ĉefe el vastaj ebenaĵoj. Klimato estas milda kaj saniga, tero estas fruktodonanta kaj taŭgas por la kreskigado de preskaŭ ĉiuspecaj rikoltoj. Nune la ĉefaj produktaĵoj estas kotono kaj greno, kaj la ebenaĵoj provizas paŝtaĵon al grandegaj bovaroj. Cia mineralaro estas diversa kaj granda, sub la tero estas vastaj tavoloj de karbo, kaj la tieaj oleoputoj superas tiujn de ia alia lando, eble esceptante tiun de Baku en Rusujo. Antaŭ dudek jaroj ĉi tiu ŝtato estis parto de la indiana teritorio, sovaĝa lando apartigata de la registaro pro la indianoj, kaj

ĝil sola loĝantaro blanka estis la bovgardistoj, kiuj, tentataj per la bonega paŝtajo, transpasis la randojn de apudaj ŝtatoj kun siaj bovaroj. Printempe en la 1889ª la registaro aĉetis de la indianoj parton de ilia teritorio (proksimume duono) kaj anoncis ke je ia tago ĝi estus malfermata por loĝigado. Gis la mateno de la 22ª de aprilo al neniu blankulo estis permesate eniri en la promesitan landon, sed, laŭ ĝiaj bordoj estis kunvenantaj miloj da viroj, kaj eĉ kelke da virinoj, kiuj serĉis novan hejmon. Ce la dirita mateno sonis atenditaj pafsignoj kaj tiam okazis tia kunkuro kian eble neniu en la mondo iam vidis· Sur ĉevaloj, sur ĉiuspecaj veturiloj, kaj eĉ sur la propraj piedoj, rapidis la amaso en la novan landon kaj antaŭ sunsubiro ekkreskis la tendovilaĝoj. Eĉ en Usono, kie oni kutimiĝis al rapida agado, la loĝigado de la nova teritorio estis mirindajo Kie estis malplenaj ebenajoj, tie aperis, kvazaŭ el la tero, vilaĝoj, urbetoj kaj urboj. Ne la krudaj konstruajoj de la kutima okcidenta novurbetoj sed la fortikaj kaj belaj konstruajoj de la civilizita mondo. Nune la ŝtato havas multajn urbojn, el kiuj la ĉefa estas Oklahama Urbo kiu enhavas loĝantaron da pli ol 20 000. En la tuta ŝtato apenaŭ al urbo pli granda ol 500 loĝantoj mankas ĝia propra elektrofakrikejo, gasfabrikejo, sistemo de akvoprovizo kaj defluado; la lerneja sistemo estas bonega, kaj tute tra ŝtato oni trovas la plej grandan prosperecon.

Jus komencis la ĉiujara kunveno de la nacia kongreso kaj laŭ la kutimo, la prezidanto sendis al ĝi sian paroladon. Tiu dokumento diskutas naciajn aferojn kaj sugestas bezonatajn novajn leĝojn aŭ ŝanĝojn de nunaj leĝoj. La estanta parolado estas longa skribajo kaj ĝia tuta teksto plenigus proksimume kvin aŭ ses paĝojn de via jurnalo. Inter la diversaj diskutitaj aferoj estas la jenaj · Pri la impostoj ne estas dezireble ke estu ia ŝanĝo antaŭ la venonta prezidantelekto krom la formeto de la imposto je lignomolajo pola fakrikado de papero. La daŭrigata batalo kontraŭ leĝrompantaj trustoj estas dezir rinda. Ni bezonas leĝojn pro pli fleksebla monosistemo. Devas esti pli da naciaj leĝoj por subteni la nunajn leĝojn de la diversaj ŝtatoj por puraj manĝajoj. Oni konsilas la plivastigadon de leĝo pri labortago de ok horoj, precipe inter dungatoj de la registaro. Plivastigado de la enlandaj akvovojoj. Konservado de publikaj landoj kaj arbaroj. Fondado de poŝtaj bankoj, kaj plibonigo de la nuna pakajpoŝto. Pligrandigo de la monpago al soldatoj kaj oficistoj en la armeo, kaj movado por plidezirindigi la armeservon. Leĝoj pri la respondeco de dungantoj al la dungitoj kiuj mortiĝis au vundiĝis en la sekvado de sia laboro. Posedo, aŭ almenaŭ kontrolo, de la karbolandoj, por ke neniu privata korporacio povu kontroli la elmeton, distribuadon aŭ prezon de karbo. Pri la jus pasanta mono-krizo la prezidanto parolas jene : « En neniu nacio estas la fundamentaj komercaj kondiĉoj pli bonaj ol en la nia ĉe la estanta momento , kaj estas malsaĝa, kiam tia estas la okazo ke oni kaŝe amasigu monon anstataŭ ol ĝin teni en bonaj bankoj ; ĉar, estas tia amasigado kiu okazigis la estantan monan maltrankvilecon. Plie, la aferoj de nia popolo estas farataj kun honesteco kaj bonintenco, kaj tio estas vera pri fervojoj kaj bankoj, pri ĉiuj el niaj komercaj entreprenoj ». En la lastaj tagoj verŝajne, dank'al la akurateco kaj zorgemeco de niaj financistoj, la minacanta monteruro malaperas, kaj konfideco de la popolo estas revenanta. Feliĉe la ĉefaj suferantoj en la pasinta krizo estis la milionistoj. kaj al la laboristo la rezultoj estas nur nerektaj.

Afero, kiu en la pasinta monato ekscitis la intereson kaj miron de la tuta lando, estas la atletika plenumado de S-ro Edward Payson Weston, viro havanta sesdeknaŭ jarojn kiu, en la daŭro de 24 tagoj, 19 horoj kaj dek minutoj piedveturis de la ŝtato Moine, al Chicago, distanco de 1300 mejloj (2166 km.). Antaŭ kvardek jaroj, kiam li estis junulo li faris la saman vojaĝon, sammaniere, kaj la tiama tempo estis pli longa po unu tago. Dum la estanta piediro li restis ĉiudimanĉe, sed dum la aliaj tagoj nur kelkajn horojn. La plej granda distanco kiun li finis en ia aparta tago estas 95.3 mejloj (159 km.) Li pretendas estis la ĉefa piediranto en la mondo. Laŭ lia vojo li estis ricevata de entuziasmaj amasoj, kaj ĉe Chicago oni lin atendis kun muzikistaroj kaj kunveno de miloj de entuziasmaj personoj.

Verŝajne New-York estas freneza pri la afero de altaj konstruajoj. Oni tie jus estas finanta la Singer konstruajon, kiu havas altecon da 612 futoj (186 5m) kaj iom pli ol kvardek etaĝoj, mi forgesas la ĝustan nombron. Estas en proceso de konstruado alia oficeja konstruajo en la mondo; ĝi havos 33 etaĝojn, altecon da 480 futoj (116 m) kaj enhavos 500,000 kvadratajn futojn de plankspaco. La urba administracio de New-York proponas limigi ĝis dudek etaĝoj la altecon de la konstruotajoj.

En la kristnaska numero de « Munsey's Magazine » unuaklasa ilustrata monata gazeto kiu vizitas preskaŭ ĉiun hejmon en Usono, aperas artikolo de la plumo de nia fervora samideano D-ro Lowell, sub la titolo « Esperanto, la mirinda nova lingvo ». Kompreneble ĝi estas bone verkita artikolo, kaj ĝi ne mankos konvinki pri la taŭgeco de nia afero multe el la miloj da personoj kiuj ĝin legos. Mi profetas en nia lando epidemion de Esperanto kiu pli-malpli frue disvastiĝados tiom larĝe kiom morbilo en infanejo.

C. H. FESSENDEN.

## Tutmonda Kroniko

*Decembro 18. Londono.* — Mortas fizikisto Kelvin.

*21. Berlino.* — Mortas la fama dermatologiisto O. Lassar.

*22. Makedonujo.* — Greka bando mortigas 25 Bulgarojn apud Blasta.

*Budapesto.* — Duelo inter ĉefministro Weckerle kaj deputato Polongi.

*23. Meudon.* — Mortas astronomiisto J.-C. Janssen.

*24. Teheran.* — Tumultoj en Persujo.

*Barcelono.* — Eksplodo de bomboj.

*26. Surat (Indujo).* — Malfermo de Inde nacia kongreso; 2000 delegitoj.

*29. Romo.* — Senatano Casana estas elektita milita ministro.

*30. Parizo.* — Mortas la juĝa ministro Guyot-Dessaigne.

*31. Peterburgo.* — La deputatoj de la 1ª Dumo subskribintaj la alvokon de Viborg estas kondamnitaj je tri monatoj de malliberejo.

*2 janraro 1908. Vancouver.* — Novaj konfliktoj inter Japanoj kaj Kanadanoj.

*3. Parizo.* — Kelkaj ŝanĝoj en la ministraro; S-ro Cruppi estas elektata ministro de l'komerco.

A. TELLINI.

# ESPERANTO PRAKTIKA

## DIVERSAĴOJ

**Nekrologio** — Ni kun granda bedaŭro eksciis pri la morto de la amata patro de nia majstro, S-ro M F. Zamenhoj, eminenta filologo kaj aŭtoro de la « Esperanta Proverkaro », kies bonstilon povis diversfoje ŝati niaj legantoj. Al D-ro Zamenhof kaj al lia familio ni prezentas la sinceran esprimon de niaj plej simpatiaj kondolencoj.

(*Red.*)

* * *

**Novaj societoj**. — En Praha kunvenis 28-XII-07 esperantistoj el Bohemujo kaj Moravujo kaj traktis pri fondo de *Bohema asocio esperantista*. La kunvenon prezidis konata verkisto, S-ro Korisek preskaŭ ĉiuj ĉeestantoj konsentis pri tio, ke la asocio estas nepre necesa kaj tial la kunveno elektis komision, kiu verkos regularon kaj kunvokos fondan kunvenon. S. K.

Fondiĝis *Hungara Esp. Societo*, kies estraro konsistos el S-ro de Maristch, prez. ; Taufenecker, vicprez. ; J. dé Bely, ĝen sekr. ; V. de Veress, vic-ek. ; J. de Medgyesi. kas Samtempe fondiĝis konsulejo (Budapest, IX., Ullör ut 59) ; provincnj oficejoj fondiĝis en Debreckzen. Esztergom, Veszprein, k. t. p.

* * *

**Esperanto-Oficejoj.** — Novaj Esperanto-Oficejoj fondiĝis en la jenaj urboj :

*Budapest.* — IX, Ullöi-üt 59, IV, 8 — Konsulo : Sro A. de Marisch.

*Debreczen* — (Hungarujo). — Csokonai u 13. Konsulo : Sro R. de Rajczy.

*Fsztergom* (Hungarujo). — Dobozi-u 50. Konsulo : S-ro Varjass.

*Veszprem* (Hungarujo). – Szarvas-u 819. Konsulo : S-ro Fr. Szell.

*Tarancon* (Hispanujo). Toledo H. Konsulo : S-ro Labrauaga Mendia.

*San Sebastian* (Hispanujo). — Palaco de Bellas Artes. Konsulo : S-ro Garrido

*Brighton* (Anglujo). — 69 Shipstreet. Konsulo : S-ro Henry Vagg.

*Chartres* (Francujo). — Bloyes s/Loir. Konsulo S-ro Chauvin, farmaciisto.

*Taillette Rocroi* (Ardeones-Francujo) — Konsulo : S ro Heripret

*Lille* (Francujo). — 53, Rue Molinel. Konsulo : S-ro L Tronquez.

*Limoges* (Francujo). — 6, Boul. Victor-Hugo et 36, Avenue Pont-Neuf. Konsulo : S-ro La Lamant.

*Moresnet* (Belgujo). — Konsulo : S-ro Ch. Schriewer.

La broŝuro pri la kreo kaj funkciado de la Esperanto-Oficejoj kaj konsulejoj estas nun en presado kaj aperos post tri semajnoj. Gi enhavos plenajn klarigojn pri la elekto kaj tasko de la Konsulo, la organizo de la Esperanto-Oficejo kaj aliaj peresperantaj praktikaj servoj, kun multaj ekzemploj.

**Esperanto kaj instruistoj**. — La Instruada Komitato de la Brita Esperantista Asocio, konsiderante (1-e) ke tre gravan rolon en la disvastigo devas ludi la instruistoj ; kaj (2-e) ke grandan profiton povus efektivigi interrilatigo inter diverslandanoj en tiu fako, proponas ke oni organizu, ĉe la Kvara Kongreso, specialan kunsidon de tutmondaj ĝeneralaj instruistoj (ne nur profesiaj instruistoj. sed ankaŭ ne profesiaj instruistoj de Esperanto. Por tiu celo, ni petas ke ĉiu, kiu aprobas la proponon, bonvolu tuj sendi al ni la sekvantan sciigon: — Nomon, adreson, fakon de instruado, kaj ĉu li intencas ĉeesti la Kvaran Kongreson. Nia komitato tre volonte entreprenus fari ĉiujn klopodojn pri la afero; sed ni opinias ke, ĉar la Kvara Kongreso okazos en Germanujo, eble la germanaj instruistoj preferos preni sur sin la plezuran taskon. Se tiu konkludo estas ĝusta, ni sendos al ili ĉiujn ricevitajn nomonjn, kaj proponos nian helpon pri la korespondada laboro, se la germannj organizontoj tion bezonos.

Charles E COWPER.
13, Arundel-street, Strand, London W. C.

* * *

**Esperanto kaj virinoj**. — Dum la IIIª Kongreso fondiĝis Ligo Internacia de Esperantistinoj por la Protektado de la virinoj. La « Helpo » — tia estas la la nomo de la nomita societo — celas propagandi Esperanton ĉe ĉiujn helpajn societojn per kursoj, paroladoj, krei organizadon por informoj per Esperanto, helpi la hejmojn ekzistantajn aŭ fondi novajn por vojaĝantaj Esperantistinoj Por ĉiuj sciigoj, sin turni al Sro F. Schneeberger, Lüsslingen, Soleure (Svisujo).

Aliparte, fondiĝis en Kopenhago, virina Uniĝo por la Internacia Kingro, kies celo estrs unuigi ĉiujn virinojn al la ideo de lingvo internacia Prezidanto; F-ine Pfaff, sekretario F-ino G. Monster, Dana Esperanto-Oficejo (Kotizajo 0, 50 cm).

* * *

**Esperantistaj Almanakoj**. — La pasintan jaron ni bedaŭris, ke ekzistas nenia Esperantista kalendaro aŭ almanako. Tiu ĉi manko nun tute malaperis, kaj la Esperantistoj estas embarasataj por elekti la plej bonan. La firmo Möller & Borel, Prinzenstr., Berlin, 5, eldonis bonegan Esperantistan Poŝkalendaron, en kiu oni trovas ne nur datarojn kun la plej interesaj jardatoj koncernantaj Esperantismon, sed utilegajn informojn, kiel listojn de esperantaj konsuloj, oficejoj, grupoj, hoteloj, k.t.p (Prezo Sm. 0,40). Alia germana firmo Th Hoffmann, Steglitzstr., 44, Berlin, aperigis oportunan konversacian kalendaron kun multaj sciigoj pri germanajoj kaj praktikaj ekzercoj (Prezo Sm. 0,40) El Anglujo, venas al ni alia Poŝkalendaro, eldonita de firmo Fred, Bristo Place, Edinburgh ; krom notaro, gi enhavas utilajn adresojn, ĉefeĉan ŝlosilon, tabelojn de la helpmona sistemo kaj bonegan bildon de D-ro Zamenhof (Prezo Sm. 0 25) Fine, niaj Barcelonaj amikoj eldonis praktikan Almanakon, kiun ĉiu Esperantisto ne pre devas posedi. La devo de la Esperantistoj kaj ĉefe de la Esperantistoj grupoj antaŭ tiuj faktoj estas tre simpla : ili akiru tiujn praktikajn eldonajojn, ili konigu ilin, ili vendigu ilin en niaj Esperanto Oficejoj, tiamaniere ke la firmoj kiuj kuraĝe venis al nia afero estu rekompencataj pro sia utila kunhelpo.

* * *

**Esperanta vilaĝo**. — Eble ne ĉiuj niaj legantoj precize scias, kio estas la Esperanta Vilaĝo, tial ni mallonge ripetas la devenon de tiu ĉi nova ideo. Jam tri fojojn la Esperantistoj kongresis, ili ĝuis la feliĉon, uzi la karan lingvon kaj ili bedaŭris, ke la tempo de tiu ĉi feliĉo tiel rapide forflugis. Post la Geneva kongreso S ro Aymonier havis la ideon : Cu Esperantistujo ne estus ebla? Loko, kie Esperantistoj iom pli longdaŭre kunestus? Dum la Cambridg'a kongreso la « revo » estis pripparolata : oni proponis elekti ĉiujare en la proksimeco de la kongresurbo vilaĝon, en kiu la Esperantistoj povus restadi post la kongreso, por daŭrigi la konatiĝojn kaj precipe, por ekzercadi la interparoladon. Estas ja nedisputeble, ke la interparolado kun alilanduloj havas nekompareblan ĉarmon kaj intereson, ankaŭ la celo de la internacia lingvo, aligi kaj kunigi reciproke la naciojn, estos tre bone atingata per daŭrigata kunestado. Estas feliĉa okazo, ke en la proksimeco de Dresden troviĝas loko treege taŭga por la ideo : la aer-kuracejo « Weisser Hirsch », ĉiujare vizitata de multaj fremduloj tiel, ke oni trovos ĉiun ĉium dezireblan komforton. Alia feliĉa okazo estas, ke la kongreso finiĝos en la fino de la somero. Post la 22ª de Aŭgusto niaj samideanoj facile trovos loĝejojn en « Weisser Hirsch » tio ne estus eble dum la ĉefasezono. Ni do esperas, ke multaj Esperantistoj restos kune en la Esperanta Vilaĝo. La proksima ĉefurbo, la bela ĉirkaŭajo, la granda parko kaj arbaro, gajaj vespero' kun esperantistaj amuzajoj certe estos dezirinda fino de la kvara kongreso. La loĝantaro de « Weisser Hirsch » dum la vintro fervore lernos Esperanton, por esti inda je la honoro de « Esperanta Vilaĝo » !

*Marie Hankel,*
Delegitino por la Esperanta Vilaĝo.

## ESPERANTISTA EKSKURSO

Mi ne dubas, kara leganto, ke vi konsentos kun mi pri tio, ke turismo estas unu el la aferoj por kiu Esperanto plej bone taŭgas.

Dank'al Esperanto jam kelkaj amantoj de turismo alveninte en urbon trovas por kompreniĝi sin, ne fremdan profesie profiteman tradukiston nur celantan gajni monon aŭ gajnigi al siaj samurbanoj. sed la sindonajn afablajn amikojn ĉiam pretajn konduki ilin promene al la belajoj de la regiono kaj helpi ilin en ĉiaj okazoj, kiel agus ia parenco : nur pro ĝojo akcepti samideanon kaj elmontri utilecon de Esperanto. Turismo por profesiaj tradukistoj estas kvazaŭ gasteja « fimanĝado », nur laciga sensignifa multekosta vagado ; male turismo per Esperanto estas familia festenkunveno, ĝi estas promena vizitado en bienoj kaj parko de malnova amiko jam longe ne vidita. Cu ne prave? Ankaŭ ni interkonsentiĝos pri tio, ke la malvasta insulo *Maljorko* estas unu el la plej mirindaj lokoj surtero, precipe dum somero kaj printempo, kiam ĝi kuŝas inter verda mantelo el ĉiuspecaj kreskajoj kaj blua kupolo de nepriskribebla ĉielo. Kio estas plej vidinda? ĉu la beletaj plene purагajaj urbetoj? ĉu la montoj kun densaj cipresaroj? ĉu la ebenajo, tie kun centjaraj olivujoj ŝajnantaj sub luno kvazaŭ fantomoj, aŭ aliloke kun sesflugilaj ventmueliloj are grupitaj en sunlumo sur vasta kamparo? ĉu la famaj grotoj Drak' kaj Pirat'... ho! la mirindaj feinaj palacoj? ĉu la vas aj deklivoj sur kiuj serpentiras pene la vojoj? ĉu la malnova monaĥejo? ĉu la fruktodonaj kampoj ĉirkaŭlimigitaj per surmetitaj ŝtonoj de kiuj ĉiu atestas, ke tie ĉi loĝas senlaciĝe laborema popolo? ĉu la belaj vizaĝoj de la Palmaninoj babile sidantaj sur siaj beletaj promenveturiloj? Kiu ne vizitis Maljorkon, tiu ne vidis la plej belan juvelon de okcidenta Mezamaro. Nur tio suficus por altiri al Maljorko amasegon da turistoj. Sed por ni, esperantistoj, Maljorko havas aliajn bonajn ecojn Unue. ĝia ĉefurbo samtempe kiam tre beleta neordinara, estas sufiĉe malvasta por ke alveno de turistaro altiru la ĝeneralan atenton de la loĝantaro, kaj okazigu en ĝi gravan scivolemon por Esperanto. En Palma, por la insulanoj estas nemultaj la distrajoj... Post elmontrado de praktikeco de Esperanto, eble naskiĝus poresperanta distra movado ; post kelkaj jaroj eble multe da personoj en la insulo scius nian lingvon kaj Maljorko fariĝus vere esperantista rendevuejo kaj restarejo. Plue, vizitado de francoj, angloj, germanoj, en tiu urbo kutimigus ilin uzi la lingvon Esperanton nur donante al ĝi tian belsonecon. kian la hispanoj donis al sia lingvo kaj sekve ankaŭ donas al nia helpa lingvo, la plej bone observante la elparoladajn regulojn al ĉiuj rekomenditajn de la genia elpensinto, D-ro Zamenhof. Tio estos ankoraŭ grava utilo por Esperanto Mi do jene proponas :

1. La esperantistoj en diversaj landoj precipe en Hispanujo, Francujo, Italujo, Alĝerujo, ankaŭ en Germanujo. Anglujo, k. t. p. — penu organizigi kun la specialaj enlandaj turismaj societoj, en la samo epoko. ekzemple dum la kristanaj paskaj festoj de 1908ª. *ekskurson en la insulon Majorko*

2 Ciu nacia turistaro al Palma estu akompanata de kiom eble tiom multaj esperantistoj.

3 Niaj samideanoj en Palma arangu jam de nun lingvan kurson po gvidistoj, hotelmastroj, oficistoj, negocistoj kaj ĉiuj aliaj gebonvoluloj. Dum unu plena semajno, kelkaj esperantistoj kun multe da diverlingvaj neesperantistoj promenadus tra la insulo.. En tiu miksaĵo ĉiuj ekkonus fakte la utilecon de unu helpa lingvo, kaj tio grave helpus por nia posta propagando en diversaj landoj ; la esperantistoj efikus en tiu malgranda multnacia homaro, kiel devigaj interkomprenigaj helpantoj Plue la esperantistoj latinlingvuloj povus aranĝi kongreseton, en kiu oni diskutos pri la rimedoj disvastigi kaj plej bone utiligi Esperanton en sudokcidenta Eŭropo ; demandoj kaj temoj ja ne mankos. Kara samideano leginta... kion vi opinias pri mia propono? Kiu esperantista grupo — por la mastroj la honoro — akceptos ĝin ekzameni, plibonigi kaj antaŭenpuŝi al efektiviĝo, propagandante por ĝi en gazetaro kaj aranĝante en palma sub patronado de eminentuloj kaj gazetistoj komitaton komisiitan varbi novajn esperantistojn en la insulo?

Maurice AUBERT,
8, rue Carnot, St-Eugene (Alger).

Ni tre rekomendas al niaj legantoj tiun proponon jam bone akceptitan de diversaj esperantistoj.

(*Red*).

## Ĉirkaŭ la Mondo...

Oni scias, ke la fama franca gazeto « Le Matin » organizas grandan ĉirkaŭpolusan aŭtomobilan vojaĝon de New-York al Parizo tra la Behring'a markolo.

La Esperantistoj de l'diversaj trairotaj landoj devus profiti tiun senegalan okazon por pruvi la grandan utilon de Esperanto. helpante la konkursanton, el kiuj kelkaj lernis Esperanton antaŭ ol forveturi.

Jen la plano de la konkurso : la konkursantoj forveturos de Parizo je la komenciĝo de februaro por iri al Liverpool tra Calais, Dover kaj Londono Ili enŝipiĝos en Liverpool kaj alvenos al New-York verŝajne ĉirkaŭe la 15 an de februaro.

La listo de la trapasotaj urboj estas :

FRANCUJO. — Parizo, Calais.

ANGLUJO. — Dover, London, Liverpool

UNUIGITAJ STATOJ. — New-York (15- de februaro), Buffalo, Cleveland, Toledo, Chicago (20 de februaro), Dubuque, Ft Dodge, Sioux City, Valentine, Crawford, Douglas, Ft Mac Kinley, Big Red, Sanders, Clermont, Martinsdale, Helenal, Missoula, Spokane, Roch Island, Seattle (5 ĝis la 10 de marto). De Seattle ĝis Skagway : 3 taga marveturado.

ALASKA. — Skagnay (13 de marto), White-Pass, White Horse, Camp. 25, Ft Selkiek, Ogilvie, Danson (20 de marto), Fortville, Eagle, Star, Circle, Ft Yukon, Ft Hamelin, Rampart, Tanana (26 de marto), Nulato, Nome.

SIBERIO. — City (30 de marto), Fort Clarence, Behring'a markolo. East Cape (2 de aprilo), Nijne Kolinsk 5 de aprilo, Sredne Kolinsk, Tchesmakovskaja, Kurlanskaja, Acanskaja, Verkojansk (12 de aprilo), Zachirem, Borilak, Olegmanskaja, Jakoust (16 de aprilo), Malokamskaja, Olekminsk, Nivinskaja, Vitinskaja, Oust-Kouskoj, Bradskoj-Kolivan. Kainsk, Onsk, Tiukalinsk, Ichim, Ialutotovsk, Tiumen.

RUSUJO — Iekaterinemburg, Kugur, Perur, Ochamsk, Malmich, Kazan, Caboksari, Peterburgo. Dvinsk, Kovno

GERMANUJO. — Koenigsberg, Elbing, Konitz, Kustrin, perlino, Hanover, Munster, Koln, Aachen.

BELGUJO. — Bastogne, Recogne-Neufchateau.

FRANCUJO. — Parizo.

Ni tre insiste petas, ke ĉiuj Esperantistoj aŭ pli bone Esperantistaj Societoj aŭ Grupoj en tiu diversaj lokoj vonvolu : unue tuj skribi al :

LE TOUR DU MONDE AUTOMOBILE
*Le Matin*
PARIS

poŝtkarton kompreneble en Esperanto, por

averti pri la helpo donata al konkursantoj; due kiel eble plej multe, efektivigi tiun helpon, kiam pasas la aŭtomobilistoj en ilia urbo, t. e. ilin kore akcepti, tiomaniere, ke "Le Matin" estu devigata raporti pri tiuj akceptoj.

Aug. André, R. de Larjatk, G. Warnier.

## MARISTA ESPERANTISTA LIGO

Dua listo da aliĝoj al franca sekcio:

25 — Brest'a esperantista grupo

26. — injoro Mincoff marista m-lianikisto.

27. — Bethune'a esperantista grupo.

28. — Toulon'a esperantista grupo.

Naciaj korespondantoj de la ligo

Bulgarujo — Sro Coĉo — maŝinisto v/ŝ Nadejda, Varna.

Finlando — Sro Emilo Elenius en Suursaari.

Por aliaj landoj vidu la 22-23 — an numeron de Esperanto.

Petu informojn de via samnacia korespondanto aŭ de Sro Mesny en Granvile (Francujo).

## ANONCETOJ

*kosto.* 8 spesdekoj (20 centimoj, 2 pencoj, 10 pfenigoj) por ĉiu linio.

Rabato de 25 % por 6 enpresoj.

Niaj abonantoj rajtos enpresigi 3 liniojn unufoje senpage.

Oni sendu al ni la anoncetojn antaŭ la 5 kaj 20 de ĉiu monato, aldonante la monon. Poŝtmarkoj estas akceptataj. Oni skribu plej legeble.

**London** (Anglujo). — S-ino P. Lewis, 11, Grosvenor Road, Chiswick, deziras interŝanĝi ilus poŝtkartojn; ĉiam respondos.

**Sorèze** (Tarn. Francujo). — S-ro Cau, kolombofilo, vendas *vojaĝkolombojn,* raso Verviers. koio de nesto: 2 fr. 50 (1 sm) po paro Maljuna, gekolomboj: 6 fr (2.40 sm.) po paro; aŭ interŝanĝas por fotografilo aŭ pligrandiga fotografilo-

**Aubry** (Nord-Francujo). — S-ro E. Philippe. El ĉiu nefranco mi ricevos 50-200 uzitajn miksitajn *poŝtmarkojn* sialandajn aŭ nefrancajn, mi tuj resendos al ĝi saman kvanton da francaj aŭ nesialandaj Ankaŭ interŝanĝos 20 50 malsamajn samkondiĉe.

**Troyes** (Aube-Francujo). — S-ro G. Jung, 14, rue de la Guérarde, interŝanĝas poŝtkartojn; nepre respondos.

**München** (Germanujo) — S-ro Morgenroth, Telegramt, interŝanĝus ĉiuepokajn Bavarajn poŝtmarkojn kontraŭ diversaj de aliaj landoj laŭ sama nombro.

**London** (Anglujo). — S-ro James Weir, 17, Rossetti Buildings, Westminster, S. W., alilanda korespondanto de la « City of Westminster Lodge I. O. G. T. » deziras ricevi periode sciigojn pri la abstinenca movado en ĉiuj landoj. Ĉiaj informoj estos danke ricevataj.

**London** (Angluio). — S ro C.-A.-S. Browne, reklamisto, 53 et 54 Wych Street, London W. C., kontentiĝos korespondadi kun Esperantistoj koncernante anoncadon en britaj, koloniaj kaj fremdaj jurnaloj.

**Superaguy** (Parana Brazilujo). — S ro M. A. Costa Pinto, deziras interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn kun geesperantistoj Respondu tuj. Petas poŝtkartojn kun bildo de urbo.

**Roanne** (Loire-Francujo). — Max Bousquet 3 *jara kaj* ½ sendos siam fotografajon kaj respondos kelkajn vortojn al ĉiuj fremdaj geesperantistoj. kiuj skribos al li *tre legeble* per poŝtkartoj ilustritaj, aŭ faros al li ian ajn alian agrablan sendajon.

**Banka-Voronej** (Rusujo). — D-ro A. A. Romanov deziras korespondadi kun samideanoj pri *kuracistaj* kaj diversaj aliaj aferoj

**Goole** (Yorkshire-Anglujo). — S-ro Mollay, Custon House, deziras interŝanĝi poŝtajn kaj fiskalajn markojn; nepre respondos.

**Rotterdamo** (Holando). — S-ro G. Allard, direktoro de Granda Hotelo Coomano, Hoofsteeg 12 22, deziras korespondi kun alilandanoj.

**Beaune** (Côte d'Or-Frankujo). — Sendu 80 Spesdekojn al S-ro J. Pion, Société Générale, kaj vi ricevos *belan kolekton da 13 ilustritaj poŝtkartoj esperantistaj de Beaune*; tiu karto estos afrankata sur la flanko vidaja.

**Amsterdam** (Holando). — S-ro S. de Vries, Zaurivergracht, 108, fiziognomiisto, redaktoro de la rubriko *Grafologio* de la plej eminentaj holandaj gazetoj, prijuĝas la *karakteron laŭ portreto kaj manskribo* Simplaj prijuĝoj 3 fr. (1.20 sm); detalaj *prijuĝoj 6 fr.* (2 40 sm)

**St-Polten** (Aŭstrujo) — S-ro Karlo Fuchs, 38 Wienerstrasse, deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj per memfaritaj fotografajoj prezentante personojn kaj belajn pejzaĝojn.

**Bellegarde** (Ain-Francujo). — S-ro Richard, Internaciaj transportoj. — Esperantista konsulo, donos ĉiujn informojn al la Esperantistoj.

**St-Denis** (Seine-Françujo). — S-ro Gustave Tabresse, Maison Damoy, deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj kun fremlanduloj; ĉiam tuj respondos.

**Pskov** (Zaveliĉje-Rusujo). — S-ro V. Jackontov, deziras korespondi kun esperantistoj el ĉiuj landoj.

**Mourmelon-le-Grand** (Marne-Francujo). — S-ro Merile Egret, 21, rue du Génie, donas al ĉiu komercisto informojn pri la regiono: aldonu poŝtmarkon per la respondo.

**Roskild** (Danujo). — S-ro William Raith, Stra-Ho tans Kospitaj, deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj kun alilandaj geesperantistoj.

**Esperanto-Eldonejo.** — Karl Jost, Fröhlichstr, 40 *Zürich V-(Svisujo).* Al ĉiuj geesperantistoj, estas rekomendataj la jenaj broŝuroj -

*Esperantista Kantaro.* 13 kantoj originalaj aŭ esperantigitaj por 4 voĉoj miksitaj, kolektitaj de Karl Jost. Prezo: 1 fr. (40 Sd).

*Memorajo de la dua Universala Kongreso de de Esperanto,* de K. Jost (unua broŝuro antialkohola). 20 cent. (8 Sd).

*Lehrbruch der Esperanto Sprache,* de A. Nötzli. fr. 1 (40 Sd).

*La Kaprino de S-ro Seguin,* tradukis A. Yersin. 15 cent (6 Sd).

*Propagandaj poŝtkartoj,* 100 ekzempl. po fr. 1.50 60 Sd).

Postulu la suprajn verkojn de via libristo aŭ rekte de la eldonisto. Al societoj esperantistaj, favoraj prezoj.

**Praha** (Bohemujo) — S-ro J. U. D-ro Biĉiŝte, ricevinte doktoran diplomon en Bohema universitato, petas ĉiujn gratulintojn ricevi sian sinceran dankon.

**Prairie du Chien** (Wiskonsin. U. S. A.). — S-ro J E Errary dekiras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj kun geesperantistoj.

**Staplehurst** (Kent. Anglujo). — S-ro E. R. Bugden, Kristofo, *ab tkulturisto* moderna, deziras korespondi kun Europanoj kaj Aziaj geabelkulturistoj.

**Tarencon** (Cuenca. Hispanujo). — S-ro L. Larranaga deziras korespondi poŝtkarte Preferas vidajojn de pontoj aŭ kiu ajn inĝeniera laboro.

**Odensee** (Danujo). — S-ro L. P. Larsen, Vestergadi. 40 II. deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj kun esperantistoj el ĉiuj landoj.

**Zolkiew** (Galicio. Aŭstrujo). — S-ro E. Hay, deziras korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj kun gesamideanoj; ĉiam tuj respondos.

**Rio-de-Janeiro** (Brazilujo). — S-ro Lauriano Trinas. Contabilidade da Guerra, Lauriano das Trinas, deziras korespondadi letere kaj poŝtkarte kun fremduloj; tuj respondos.

**Barcelono** (Hispanujo). — S-ro Miguel Giribets, Carreta Mataro' 264, deziras interŝanĝi poŝtkartojn kun alilandaj gesamideanoj; ĉiam respondos.

**Soreze** (Tarn-Francujo). — S-ro Ed. Lan, deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj kun fremdaj samideanoj; ĉiam respondos.

**Paris** (Francujo). — Maranda, 95, rue Maubeuge, interŝanĝas fremdajn poŝtmarkojn eĉ oftajn. ne pre respondos.

**Paris** (Francujo). — S-ro S. Melo, 32 rue de Montmorency, deziras interŝanĝi poŝtkartojn; ĉiam respondos.

**Dresden** (Germanujo). — S-ro R. Richter, Düppelstr. 8 deziras korespondi per poŝtkartoj ilustr.; metu la markon sur la bildflankon.

**Beaune** (Côte-d'Or, Francujo). — Societé Génèrale. S-ro Morizot deziras korespondi aŭ poŝtkarte.

**Lille** (Francujo). — *Tridek Cernantoj, 13-15 jaraj* deziras korespondadi en Esperanto. Sin turni al Sro F. Durieux, D-ro Lernejo Montesquieu, Lille.

**Hanau** a/m (Germanujo). — La grupo intencas aranĝi *migradekspozicion,* senpage riceveblan de ĉiu grupo, kin intencus fari ekspozicion aŭ paroladon. Ni do petas, ke oni bonvolu sendi al ni ĉiuspecajn propagan ilojn, broŝurojn, lernolibrojn, gazetojn, nomaron de komercistoj, gvidlibrojn, katalojn, k. t. p. ke ili sendu senpage petas tre kore ĉiujn eldonistojn, konsulojn, grupojn, k. t. p ke ili sendu senpage esperantajojn por nia ekspozicio. Oficejo de la Grupo: Rhönstr. 4. Hanau a/m.

**London** (Anglujo). — S-ino E. Thomas, 29, Henrietta St. Hackney Hd, dez. korespondi per ilust. p. kartoj kum alilandaj geesperantistoj; ĉiam respondos.

**Düsseldorf** (Germanujo) — *Ĉu ni jam posedas propagandmarkojn?* Se ne, mendu tuj senpagan specimenon de la Esp gr. Düsseldorf (Germ); sekr. B. Luis, Kronenstr. Agentoj serĉataj.

**London** (Anglujo) — S-ro H. Smith, 14, Beck Rd Hackney deziras interŝanĝi p. kartojn ilus.; ĉiam respondos.

**Lip.n'ik** m/B. (Moravio-Aŭstrujo). — *Mi intencas dum somero* 1908 fari unutagan viz ton al amikoj esperantistaj (krom aŭstraj); rekompence, mi akceptos similan viziton en 1909. Mi estas instruisto de surd-mutuloj. kelektanto de naciaj kantoj kaj ŝtataprobita muzikinstruisto. Se vi konsentas, bonvolu sciigi vian adreson. Felix Hlobil, Lipnik n/B.

**Sabadell** (Barcelona-Hispanujo). — Deziras korespondi kun fremdlandaj esperantistoj: S-ro R Graupera, Str. Padilla, 91; S-ro I. Roig. Str. Estrella, 105; S ro C Rodamilans, Str Gracia, 70

**Armentières** (Nord-Francujo). — La Armentiera grupo organizas grandan ekspozicion dum julio 1908, tre gravan por la loka propagando. La komitato sin turnas al la Esperantistaro, petante de ĝi ilustritajn poŝtkartojn, ĉiuspecajn dokumentojn, verkajojn, prospektojn, ktpa La grupo deziras ankaŭ koni la nomojn kaj adresojn de ĉiuj alilandaj Esperantistoj kiuj okupas sin pri la *kulturado aŭ la ŝpinado de l'lino kaj kotono,* pri la *komercado kaj teksado de l'tolo,* Armentières estas la plej grava el la francaj urboj rilate al la fabrikado de ĉiuspecaj tolajoj. La grupo faciliĝos tre volonte la rilatojn inter la regionaj komercistoj kaj la alilandaj negocistoj. Antaŭan dankon al la sendontoj.

Skribu al D-ro Briquet, rue Nationale, aŭ al S-ro Baudet, rue d'Erquinghem, kiuj donos ĉiujn deziratajn sciigojn.

**Odensee** (Danujo). — S-ro Carlsen, Bülousvej, deziaas korespondadi per ilustritaj poŝtkartoj kun gealilandanoj; ĉiam tuj respondos.

**Detroit** (Mich-Unuigitaj Ŝtatoj). — S-ro Townsend, 1365 Gratiot av. deziras interŝanĝ ils poŝtkartojn, enlandajn florajn semojn aŭ amuzantajn vidajojn.

**Esperantejo.** 151, Faubourg Poissonnière, *Parizo. — Konstanta rendevuejo* de la Esperantistoj. Interparolado, biblioteko, ludoj.

**Breslau II** (Germanujo). — Membroj de « *Kristanaj uniĝoj de junaj viroj* » estas petataj sin turni por grava sciigo al S-ro L. Erselius, Breslau II.

**Moresnet** (neŭtrala teritorio apud Belgujo) — S-ro Charles Shriewer, konsulo. reprezentas ĉiuspecajn komercajojn eu Belg- kaj Germanlando.



## Kroniko Esperantista

Nia movado estas nun en plena vivo kaj aktiveco. Ekster la demando pri la rilatoj inter la Esperantistaro kaj la delegitaro, kiu estas unu el la nunaj priokupoj kaj babiltemoj de nia samideanaro, la novajoj ĝojigaj ne mankas. Kiel kutime, en ĉiuj lokoj kaj en ĉiuj landoj la kursoj, paroladoj, grupoj estas maltenombraj kaj plene prosperas, sed pli grava, se oni konsideras la praktikan signifon de nia novado, estas la plimultiĝado de tiuj utilaj enireprenoj, kies nomo estas Esperanto-Oficejoj. Ili nun ekzistas en tre multaj urboj kaj urbetoj kaj komencas doni ŝatindajn servojn ĉu al la Esperantistoj, ĉu al la ne esperantistoj, kiuj volas uzi nian lingvon. La Esperantistaj organizajoj devas pli kaj pli turni sian atenton kaj zorgemecon al tiuj praktikaj institucioj, kiuj pli bone kaj pli rapide olĉia parolado aŭ ĉia alloganta gazetartikolo enradikigos Esperanton en la rondojn de tiuj multegaj homoj por kiuj « tempo estas mono ». Tre atentinda estas ankaŭ la helpo, kiun komencas alporti alnia afero, diversaj komercaj firmoj. En Britujo, en Francujo, en Germanujo komercistoj ne timas presigi cirkulerojn, katalogojn, k. t. p. en Esperanto kaj esprimis sian kontentecon pri la ricevitaj rezultatoj. Ni kuraĝigu tiujn unuajn maltimajn iniciatojn kaj ni zorgu por ke tiuj imitindaj ekzemploj fariĝu ĉiam pli multaj.

Car la redaktanto de tiu kroniketo parolas pri aferoj praktikaj li konsilas al ĉiuj samideanoj. ke ili sin de nun pretigu por la 4a Kongreso. Por multaj la vojaĝo estos eble longa kaj iom kara, sed la impresoj ricevataj de esperantista kongreso, ja multe superas la oferojn, kiujn oni devas fari por veturi al la kongresurbo, tiom pli ke, tiun ĉi jaron, ekzistos apud Dresdeno esperantista vilaĝo, en kiu la diverslandaj Esperantistoj povos kune pasigi sian libertempon kaj per tio ricevi ankoraŭ pli fortajn kaj daŭrajn impresojn. Krom la centra kongreso por la tuta Esperantistaro, ne mankos la regionaj kongresetoj. Unu estas projektata en insulo Maljorko por la Latinaj Esperantistoj, alia en Svisujo, tria en Nord-Ameriko. Novaj gazetoj aperis en la Esperantista foliaro. El Germanujo venas al ni propaganda *Germana Esperanto-Gazeto,* el Francujo alia propagandilo « *L'Etoile Esperantiste* », el Finlando nun tipografie presita « *Finna Esperantisto* », kaj el Holando revivigita « *Amsterdama Pioniro* ». Al ĉiuj tiuj ĉi kunfratoj ni deziras plej rapidan sukceson kaj plej longan vivon!

***

Inter la interesaj laste elirintaj libroj, ni citu la belan tradukon de *La Rabistoj,* el Schiller, faritan de nia majstro kaj jam publikigitan en « La Revuo ». Tiun ĉi tre gravan verkon devas atente tralegi kaj studi ĉiuj Esperantistoj, kiuj deziras akiri ĝustan ideon pri vere esperanta stilo. Dro Zamenhof nun tradukas el la Biblio la libron de la Psalmaro, kiu havas tre grandan literaturan valoron. Ankaŭ aperis la tria volumo de la altinteresa kaj bonege tradukita *Faraono* de Dro Kabe; la sama laborema aŭtoro aperigis ntilegan *Legolibro,* kiu estos la necesa akompananto de ĉiu esperantista lernanto. La Presa Esperantista Societo eldonis tre plenan franca-esperantan vortaran, kiu estas resumo de la « vortarego » publikigata de la sama firmo; la antaŭparolo de la nomita libro estis verkita de Prof. Cart kaj prezentas apartan intereson en la nuna momento. Por la Pacifistoj kaj eĉ ne pacifistoj ni rekomendas la bonan Jarlibron de Pacifisto, kiu enhavas multajn gravajn informojn pri la nuna pacifista-esperantista movado. Ĉiuj internaciaj peresperantaj societoj havu baldaŭ tian oportunan jar libron! Sro Deligny tradukis el greka lingvo heroi-komikan poemon *Ranratbatalo* tute legindan pro ĝia bona stilo kaj intereso. Fine kvonkam ni ordinare ne pardas pri propagandaj eldonajoj, ni citu lertan elpensajon pe Sro Cart: *Esperanto per fabeloj,* arteca kolekto konsistanta el de k. du ilustritaj poŝtkartoj. Iom-post-iom, dorlotante nin per fabeloj, la aŭtoro vole-nevole instruas nin pri Esperanto, tiel ke leginte dek. du ĉarmajn poŝtkartojn, ni akiris la tutan mekanismon de Esperanto. Vere, se niaj idoj, kiuj sur la benkoj de la lernejoj dormadas antaŭ la vortaregoj kaj dikaj gramatikoj de la lingvoj vivantaj aŭ mortintaj scius, ke ekzistas en la mondo ia lingvo, kiun oni povas lerni plene per poŝkartoj ilustritaj, ili ribelus kontraŭ siaj instruantoj kaj postulus perforte, ke oni anstataŭu ĉiujn kaprompigajn lingvojn per unu sola, per Esperanto. Ĉu ni ne instigos ilin al tio?

A. R.

# AL NIAJ LEGANTOJ

**Ni rememorigas al niaj abonantoj, ke multaj abonoj finiĝas kune kun tiu numero. Por eviti ĉian malfruiĝon en la ekspedo kaj ĉian neutilan tempoperdon, ni petas, ke ĉiuj personoj, kies abono estas finita, bonvolu sendi al ni KIEL EBLE PLEJ BALDAŬ sian abonpagon por 1908. Oni povas aboni ĉu rekte ĉe nia administracio, ĉu per niaj lokaj agentoj.**

***

Ni petas senkulpigon pro la prokrasto de nia lasta numero, kaŭzita de neantaŭviditaj libertempoj de la presisto. Nia gazeto de nun aperados regule kaj, de la venonta numero, ĝia interna formo ricevos kelkajn ŝanĝojn, kiuj, ni esperas, kontentigos niajn legantojn. Ni speciale klopodos por doni pli grandan amplekson al la fako praktika kaj al la anoncetoj, kies sukceso estas tre granda.

*Direkcio.*

# LINGVA FAKO

**Esperantista Lingva Komitato.** — Oni petas nin represi la ĉi-suban cirkuleron de la Lingva Komitato rilate al la proponoj de la Delegitoro por la alpreno de lingvo internacia:

Laŭ la deziro de D-ro Zamenhof, mi havas la honoron komuniki al vi resumon de la raporto, kiun mi sendis al li dum la unuaj tagoj de Decembro pri la respondoj de la Lingva Komitato al la cirkuloro 7 a.

1e Pri la unua punkto: Starigo de Esplora Komitato, kelkaj kolegoj kredis erare, ke la temo estas ne pri simple konsulta komitato, difinita por konsiliĝi kun mi kaj prepari, se bezone, raporton submetotan al la Doktoro pri bazoj de interkonsento, kun la Konstanta Komisio de la Komitato de la Delegacia Komitato, sed decida komitato, difinita por tranĉi definitive la demandon, sen revoko al la Lingva Komitato, en ĝia tuteco. Kelkaj ankaŭ erare kredis, ke mi proponis anstataŭigi S-ron de Beaufront ne avertinte lin kaj sen lia konsento. Tamen sufiĉe granda plimulto, pli ol 2/3, el la 61 respondintoj, akceptis miajn proponojn.

2e-Rilate al mia rezervo, pri la leĝdona aŭtoritato, kiun ŝajnis (sendube nur ŝajnis) alskribi al si la Delegacia Komitato sur la Esperantistaro, granda plimulto ankaŭ konsentis kun mi por opinii, ke se estus utile fari ŝanĝojn en Esperanto, la sole rajtigita aŭtoritato por ilin fari povus esti nur la Lingva Komitato konsente kun D-ro Zamenhof. Eĉ kelkaj petis, ke la projekto pri ŝanĝoj, se ŝanĝoj estas bezonataj, mature ellaborita, estu submetota al la sankcio de la venonta Kongreso Nur 8, el 61, esprimis efektivan malaprobon pri mia rezervo.

3e-Pri la traktado kun la Delegacia Komitato por enkonduko de ŝanĝoj en Esperanto, la opinioj dividiĝis laŭ diversaj direktoj.

Unu el niaj kolegoj opiniis, ke la Lingva Komitato ne estas sufiĉe rajtigita por solvi la demandon. Li pensas, ke ĝi havas rajton nur trepridubeblan sin miksi en ĝin. Gia sola titolo estas, ke ĝi estas por D-ro Zamenhof konsilanaro, sekretariaro, kiun li povas konsulti kaj delegi. Sed ĝi trouzus sian povon se ĝi pretendus tranĉi decidon en kiu la Doktoro havas sola rajton, respondi. Laŭ tiu opinio, la Prezidanto de la Lingva Komitato devus tuj skribi al S-ro Ostwald, ke la Lingva Komitato ne povas eĉ diskuti la proponojn de la Delegacia Komitato kaj ke li bonvolu sin turni senpere al Zamenhof. Sed ĉar la Doktoro mem, kun la konsento de ĉiuj Esperantistoj, ĉeestantaj en niaj tri Kongresoj, kaj kun la silenta aprobo, aŭ almenaŭ, sen iaajn protesto de la neĉeestantaj, komisiis la Lingvan Komitaton, provizore en Bulonjo, definitive en Genevo, por ekzameni ĉiujn lingvajn demandojn rilatantajn Esperanton, oni povas opinii, kun ĉiuj niaj kolegoj, ke nia komitato estas sufiĉe rajtigita, se ne por trakti per si mem kun la Delegacia Komitato, almenaŭ por prezenti al la Doktoro, aŭtoritatan opinion pri la dirita demando: ĉu kiamezure kaj kiamaniere trakti kun la Delegacia Komitato, kaj por partopreni en la traktado, se li juĝos ĝin ebla aŭ utila por nia afero.

Nun, pri la demando mem, 8, el la 61 respondintoj ne sentis sin sufiĉe informitaj kaj ne esprimis klare sian opinion. 8 tre klare kaj tre energie respondis, ke oni devas danki la Delegacian Komitaton, pro la ne sperebla okazo, kiun ĝi naskis, forigi el la lingvo ĉiujn ĝiajn malbonaĵojn, kaj ke la komptenteco kaj aŭtoritateco de la Delegacir Komita o certigas la plenan sukceson de reformo, kiun la Esperantistoj kvazaŭ enkatenitaj de la Bulonja Deklaracio, tiu bedaŭrindega baro kontraŭ ĉiu natura evolucio de la lingvo, ne povus mem efektivigi. Aliparte 11 esprimis la deziron ke oni faru kelkajn ŝanĝojn en Esperanto kaj interkonsentu pri tio kun la Delegacia Komitato; sed ili petis samtempe 1e-ke tiuj ŝanĝoj estu serioze kaj mature pripensitaj de la Lingva Komitato. 2e-ke ili estu kiel eble plej malmultaj nur pri certaj kaj netolereblaj malo portunaĵoj de la lingvo, se ekzistas tiaj), 3e-ke, ili konsistu prefere el aldonoj ol el forigoj kaj pozitivaj ŝanĝoj. — Fine, la 34 ceteraj opiniis, ke oni ne devas trakti kun la Delegacia Komitato; kelkaj, ĉar ili tute malaprobas, ĉiun proponon de reformoj, ĉu kiel kontraŭaj al la Bulonja Deklaracio, kiu ligas nerompeble, laŭ ilia opinio ĉiujn esperantistojn, eĉ la Lingvan Komitaton, eĉ la Kreinton de Esperanto; ĉu kiel pereigan por la propagando kaj eĉ por la ekzistado de nia afero kiu povas disvolviĝadi kaj staradi senriske nur sur firma kaj neŝanĝebla interkonsento de ĉiuj ĝiaj partoprenantoj; kelkaj, ne ĉar ili malaprobas principe ĉiun ideon de ŝanĝoj en Esperanto, sed ĉar illi opinias «ke la Delegacia Komitato ne havas sufiĉan aŭtoritaton, por ke ĝiaj decidoj estu ĝenerale akceptitaj, kaj ke ĝiaj raportantoj ne konas la tuton de la demando pri la Universala Lingvo kaj ni povas fari definitivajn reformojn, sed eble post kelke da jaroj lapratiko montros gravajn mankojn kaj erarojn en ilia projekto kaj oni devos fari novajn reformojn, reformi la antaŭajn k.t.b.»

Tia estis resume la rezultato de la unua konsulto de la Lingva Komitato pri la Delegacia aferoj. Sed tiu konsulto ne estis sufiĉe preciza kaj la demando estas tro grava, por ke mi povu konsili tujan kaj definitivan decidon.

Mi do proponis al Doktoro Zamenhof:

1e-Daŭrigi korespondadon kun la Prezidanto koj ĉefaj membroj de la Konstanta Komisio de la Delegacio, por pli klare starigi la kondiĉojn de ebla interkonsento.

2e-Kolekti la raportojn de la Esplora Komitato kaj aliaj kompetentuloj aŭ memvolaj raportantoj kaj prepariĝi resuman kaj ĝeneralan raporton pri ĉiuj proponoj de lingvaj ŝanĝoj ĝis nun al ni liveritaj de la Delegacia Komitato.

3e-Ĉar la Bulonja Deklaracio ŝajnas ne havi sencon sufiĉe klaran por kelkaj esperantistoj tiel same inter ĝiaj partianoj kiel inter ĝiaj kontraŭuloj, estus necese, laŭ mia opinio Le D-ro Zamenhof klarigu antaŭ la Lingva Komitato kaj la Esperantistoj, kiel ni devas kompreni ĝin, t. e. ĉu ĝi valoras nur kontraŭ ĉiu privata individuo aŭ aparta societo proponanta pli malpli arbitrajn ŝanĝojn, aŭ eĉ kontraŭ la tuta Esperantistaro kaj ĝiaj rajtaj reprezentantoj.

4e-Ĉar la sperto montris, ke estas tre malfacile por la Lingva Komitato en ĝia nuna stato labori kaj konsiliĝi kune, mi proponis al la Doktoro projekton de reorganizo de la nomita Komitato, por faciligi kaj rapidigi ĝian agadon. Vi baldaŭ ricevos komunikon de tiu projekto.

*La Prezidanto de la Lingva Komitato,*

E. BOIRAC.

# EKZERCETOJ

**Interparoloj.**

— Kiu frapas? (Kiu estas?)

— Mi estas. Maltermu, mi petas!

— Eniru! La ŝlosilo estas en la seruro.

— Kiel eble! Vi estas ankoraŭ en la lito?

— Kioma horo?

(Estas la oka, Apenaŭ sonoris la oka. La oka elbatis. Estos la oka post momento. Estas kvarono de la naŭa. Estas la duono de la naŭa. Estas tri kvaronoj de la oka).

— Mi ne scias, kioma horo estas.

— Leviĝu. La tempon perditan oni jam ne rericevas (Post paŭzo). Vi ne respondas? (Tu dormas). O! la maldiligenta, la dormulo, li ree ekdormis (Laŭte). He, amiko mia, vekiĝu!

— La dormo matena estas tiel dolĉa! Mi amas dormi longe je l'mateno.

— Mi ne komprenas, kiel li povas restadi tiel longe en la lito.

— Kiam oni dependas de neniu, oni povas dormi trankvile.

— La grandaj homoj dormas malmulte.

— Ho, mi ne estas ambicia.

— En ĉiuj landoj la personoj laboremaj sin levas matene tre frue.

— Mi vivas de rentoj; mia mono laboras por mi.

— Oni devas profiti ĉian horon.

— Kiam mi estas leviĝinta, mi ne scias, kiel pasigi la tempon; mi enuas.

— La unuo venis en la mondon kune kun la maldiligenteco. Kiu ne faras, tiu estas ĉiam enuanta Faru kiel mi faras kaj vi ne enuos.

— Kiel vi faras?

— Mi dividas mian tempon inter la plezuroj de mia aĝo kaj la aferoj, kiuj estas mia devo.

**Komercaj leteroj**

*Pligrandigo de fabrikejo.* — Ni havas plezuron sciigante vin, ke la pligrandigo de nia fabrikejo estos finita antaŭ la fino de la nuna monato, kaj ni tiam povos duobligi nian antaŭan produktadon Ni ŝparis nenian elspezon por provizi nin per la plej moderna maŝinaro; kaj ni tiel haviĝis al ni pli delikatan laboron kaj samtempe pligrandiĝis nian kapablecon liveri rapide la grandkvantajn mendojn. Ni do senĉesiĝe povas certigi, ke niaj klientoj samtempe kiam ili rimarkos la grandan plibonigon de niaj produktaĵoj, rilate al la delikateco, k. t. p. ankaŭ komprenos, ke la estonta plimalkarigo de la fabrikado donos al ni ĉe la utilon, ricevi pli bonan artikolon por pli malalta kosto, ol estas proponata de iu el niaj konkurantoj en la komerco.

*Plivastigo de eksporta komerco.* — Ni havas la honoron informi vin, ke, por la celo plivastigi nian komercadon de eksportado de niaj kvalitoj de viskioj kaj aliaj alilanden, ni elfaris arangojn, kiuj ebligas nin proponi la plej superajn kvalitojn por la plej malaltaj eksport-prezoj Ni enmetas prezaron por via afabla konsiderado, kaj, tuj post la ricevo de viaj novajoj, ni estos feliĉaj montri al vi niaj plej favorajn kondiĉojn.

FELIETONO DE "ESPERANTO" 7

# LA SABLA HOMO

**el E. T. A. HOFFMANN**

(trad. A. R.)

La fianĉino de Nathanael, la aminda Klara estis tiel plene forgesita kvazaŭ ŝi neniam ekzistis en la penso de Nathanael. La kompatinda studento povis sin okupi pri nenia alia temo, ekster la amo al la bela Olimpia. Li pasigis ĉiujn tagojn flanke de ŝi aŭ ĉe ŝiaj genuoj; lia pasio, ĉiam pli forta kaj freneza, rezultis en poemetoj, kiujn li nokte verkis kaj tage deklamis al ŝi. Olimpia kun mirinda trankvileco lin aŭskultis; ŝi rigardis lin per siaj ĉiam senmovaj nigraj okuloj, kaj la studento ebriiĝita per tiu stranga rigardo sin jetis al ŝiaj piedoj, varme kisadis ŝian manon kaj petegis, ke ŝi diru al li ŝian amvorton, kaj al li ŝi ĉiam respondadis neŝanĝeble: aĥ! aĥ! aĥ! Por Nathanael la unusilabo de Olimpia estis magia vorto, kiu elvokis sennombrajn voluptojn. Li droniĝ en maro de nedireblaj plezuregoj kaj okulvideble malgrasiĝis. Kelkafoje, kiam li estis sola, tre malfrue, en sia ĉambreto, li retrovis instinktojn de forflugema saĝeco; sed lia saĝeco ne povis longe daŭri kaj elteni kontraŭ la konfuzigoj de la pasio. Li forkuris el siaj kamaradoj kaj montris sin nenie. Neniam la amo kaŭzis tian konfuzegon ĉe junulo, kiu estis konsiderita kiel distinga lernanto ĉe la universitato. Profesoro Spallanzani ŝajnis rigardi kun granda intereso la progresojn de la malsaĝeco de sia lernanto. Li estis neniel maltrankvila kaj li kontraŭe konsilis al Nathanael, ke li ofte vizitu lian filinon. Nathanael, fierega pro tiu nekredebla konfido, konservis al Olimpia ĉastan respektemecon. Sed, ian tagon, sentanta ke ĉeestado kun ŝi fariĝas io tro danĝera kaj ke li baldaŭ jam ne povos kontraŭ batali la ardecon de siaj deziroj, li decidis fini tiun longan martiriĝon. «Mi volas, li diris al si, ke Olimpia permesu al mi peti pri edziĝo kun ŝi La elprovo, kiun mi ricevis, sufiĉe longe daŭris; mi meritas la rekompencon de mia saĝeco kaj, se ŝi ne posedas ŝtonan koron, ŝi ja devos konfesi siajn verajn sentojn rilate al mia amo!» Poste, Nathanael serĉis belan oran ringon, kiun li volis donaci al Olimpia kiel signon de fianĉiĝo. «Se ŝi akceptas, li pensis, kaj kial ŝi malakceptus, mi estos feliĉega!» Ne perdante momenton, li kuris al la domo de Spallanzani kaj decidis ĝin ne forlasi, antaŭ ol li havos la konsenton de la patro. Suprenirante la ŝtuparon li aŭdis teruran bruegon, kiu okazis en la apartamento de la profesoro. Tra piedbatoj, frapoj kontraŭ la muroj, li distingis du virajn voĉojn, kiuj elparolis furiozajn blasfemojn. Tute tremanta li haltis por aŭskulti: «Je la diablo! li diris al si, mi opinias, ke mi elektis malfavoran tagon por transiri Rubikonon!». La bruego pligrandiĝis, la voĉoj furioze interbatalis. «Rabisto, ĉu vi ellasos min! kriis unu. — Krimulo, blekis alia, ĝi estas mia sango kaj mia vivo! — Vi ŝtelis min! — Vi ankaŭ! — Sed la risortoj apartenas al mi! — Sed mi verkis la mekanismon! — Redonu nian propraĵon! — Vi sufokas min!... Kaj la korpoj renverŝiĝis kaj aŭdiĝis timiga krakado de ostoj. — «Oni mortigas nian profesoron, mian estontan bopatron! ekkriis Nathanael; kaj sin jetante kontraŭ la pordo de l'apartamento, li rompis ĝin kaj falis en la mezon de l'batalantoj. Neniam al ŝiaj okuloj montriĝis tia vidaĵo! Profesoro Spallanzani alkroĉiĝis al la ŝultroj de virino kiun lia kontraŭbatalanto freneze tiris per la kruroj. Tiu virino estis Olimpia! Tiu ne konata barbaro estis la Italo Coppola!... — «Abomeninde!», ekkris Nathanael saltante sur la malbenindan vendiston de lornoj. Sed antaŭ ol la studento povis lin ekpremi, Coppola, kiu estis fortika viro, sukcesis forpreni Olimpia el la manoj de Spallanzani kaj sublevante ŝin per siaj nervozaj brakoj li per ŝi frapis tiel forte la kapon de la profesoro ke la malfeliĉa akademiano falis teren, duonmortigita. Nothanael ankaŭ falis kiel maso, nepriskribeble mirigata. Coppola, kunprenante sian akiraĵon, fiere malsuprenirs la ŝtuparon, dum aŭdiĝis krakoj de malstreĉitaj membroj. La kapo de la viktimo restis sur la batalejo; ĝi estis vaksa kapo, kies emajlaj okuloj kuŝis sur la planko! La kompatinda Spallanzani ĝemadis inter ruboj de retortoj, distililoj kaj pokaloj. Lia vizaĝo, liaj manoj, lia brusto estis kovritaj per sangodonantaj vundoj «Coppelius! Coppelius! li diris per sufokita voĉo, vi forportas la rezultaton de dudek jaroj de laboro!... sed, estas egale... mi savis la okulojn!...

Nathanael freneziĝis. Li per malkvietegaj okuloj rigardadis la pruvojn de la kruela trompo, kiun li tiel longe travivis. Nathanael, amanto de la aŭtomata maŝino!... Liaj nervoj tordiĝis! liaj okuloj freneze fiksiĝis, lia buŝo elŝprucis... Kelkaj najbaroj, jus alkurintaj, multe penis por ke li ne sufoku Spallanzani. Oni lin kondukis en la frenezulejon, kaj lia amiko Sigismundo lin sindone flegadis dum lia malsano.

La fama profesoro Spallanzani rapide resaniĝis; sed tuj kiam li povis ekmarŝi, li forlasis la urbon, ĉar la studentoj volis reveĝi al li la freneziĝon de sia amiko Nathanael. Eĉ oni parolis pri proceso kontraŭ li, pro tio ke li per perfidaj artifikaĵoj malsaĝigis unu el siaj plej bonaj lernantoj. Feliĉe, li povis foriri gustatempe. Oni neniam revidis la vendiston de lornoj, Jozefo Coppola.

VI

Post tri monatoj, Nathanael, ian matenon, vekiĝis en sia ĉambreto; apud sidis lia patrino, Clara kaj lia amiko Lothar. La malfeliĉa junulo kredis, ke li estis atakita de terura inkubsonĝo. Kiam li malfermis la okulojn, Clara, uuua, parolis al li: «Amiko, ŝi diris, vi estis tre malsana; ni timis, ke vi estos forprenita, sed feliĉe vi eltenis; kiel multe ni preĝis por vi». — «Clara!... Clara!... murmuris Nathanael, ŝin mirege rigardante kaj li volus ion rememori, kaj pro malforteco liaj okuloj fermiĝis kaj li ree dormis. Oni plej zorgeme ŝin flegadis kaj forprenadis ĉion, kio povis lin rememorigi pri lia fatala aventuro. Kiam li estis tute resana, lia patrino informis lin, ke maljuna onklino jus postelasis al siaj heredontoj kampan dometon je kelkaj mejloj de la urbo. Tien lia familio decidis ekloĝi kaj ĉiuj sin okupis pri la pretigado. Kiam la momento alvenis, Clara sin montris tute ekvojiris, kaj trapasante la placon de la preĝejo, Clara kun dolĉa rideto diris al Nathanael: «Kara mia, ni nun jam ne venos ofte en la urbon; ĉu vi ne volus kun mi supreniri tiun turon por ke mi ankoraŭ vidu la verdajn montetojn kaj la ombrozajn arbarojn, kiuj limigas la horizonton?» Nathanael trovis tiun ideon mirinda kaj ili ambaŭ, kun ĝojaj ridetoj, ĝin efektivigis. Kiam ili alvenis ĉe la pinto, belega vidaĵo montriĝis al ili. La altaj suproj de la arbaroj tremetis sub la venta blovo, kiel grandaj verdaj ondoj, kaj la montoj orumitaj de la matena suno faris strangajn desegnaĵojn sur la pura ĉielo. «Ho! vidu do, kara mia, ekkriis la junulino, vidu do tiun strangan arbetaĵon, kiu moviĝas! Ŝajnas ke ĝi venas al ni!...» Nathanael malpli akravida ol ŝi, senatente prenis el sia poŝo la lorneton de Coppola. Sed apenaŭ li ekrigardis per ĝi, li lantege kriis, saltante kvazaŭ frenezigite. Tra la falala instrumento li jus vidis la vizaĝon de Olimpia; tia vido lin frenezigis. Li forjetis sian lorneton kaj strange rigardis al Clara tremanta: «Maŝino, li diris, grinciganta la dentojn, satana maŝino, iru al la diablo!» Kaj ĉar la febro de la rememoro lin atakis, li volis ĵeti malsupren sian amatinon. Feliĉe, alkuris Lothar altirita de la krioj de sia fratino kaj por ke Nathanael ŝin ellasu, li devis lin furioze frapi. Nathanael senkonscia ŝin ellasis kaj Lothar kunprenis sian svenintan fratinon, rapide malsupreniris la turon. Kiam li alvenis sur la placon, multaj homoj alkuris kaj ĉiuj rigardis al la supro de la turo, kie Nathanael freneze saltadis. Subite, la advokato Coppelius aperis inter la vidantoj kaj ankaŭ ekrigardis. Nathanael lin verŝajne rekonis, ĉar, tuj poste oni aŭdis teruran krion: la malfeliĉa jus saltis la barilon kaj falis kun la kranio disrompita; li estis mortinta. La advokato Coppelius sajnigis kvazaŭ li ne konus lin kaj foriĝis sen ies atento.

Post kelkaj jaroj, Clara, tiel mirakle savita el terura morto, kaj kiu por ĉiam forlasis sian hejmon, estis edzino de alia. Sigismundo, la amiko de Nathanael, iam renkontis ŝin kun juna viro, kaj ame ŝin rigardis. Du blondaj infanetoj ilin akompanis. Sigismundo malĝoje pensis pri la forgeso, kiu super la mortintoj sin etendas kiel ne penetrebla vualo. Pasante apud Clara, li turnis la kapon kaj marŝis pli rapide.

*(Fino.)*